# PENSEO

*N-ro 138*

*Marto/2003*

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 **http://anteo.topcities.com**


**Li Yu** (937—978)

## TRI AMPOEMOJ

**—laŭ melodio Pusaman**

**(Budaisma dancistino)**

1.

### Rendevuo

Flor' ĉarmas. Lun' palas. Vualas leĝera nebulo.
Hodiaŭ vespere ŝteliĝas mi al la karulo.
Nudŝtrumpe mi paŝas ŝtuparon
kaj tenas enmane ŝu-paron.

Dum kunas ni sude de l' halo,
mi tremis en glu' al amato.
La ŝanco por ni, ho — tro rara!
Karesu laŭvole, do, kara!



2.

### Feina Knabino

Feina knabino sin fermis enkorte.
Dum tago ŝi kuŝas siesti senvorte.
Sur la kapkuseno — gracio nubhara.
De l' vesto disŝvebas aromo tre rara.

Mi venis kaj bruo etpaŝa
ŝin vekis, de l' sonĝ' sopirkaŝa.
Sub ŝia palpebro langvora —
senfina amrido elkora.



3.

### Bedaŭro

Sonoras kupr-anĉoj kaj
blov-instrumentoj.
En ŝiaj okuloj — ho, kiom da tentoj!
Langvore ŝi fingrojn ekmovas.
Ekscitaj muzikoj jam novas.

Ve! mankas al ni oportuno
por rara sekreta korp-kuno.
Nuliĝas jen post la festeno
jam ĉio droninte en sveno.



esp-igis **Guozhu**

Notoj: En Ĉinio Li Yu (937-978) estas tre famkonata, ĉar li estas imperiestro-poeto. En la unua rolo li estis tute fiaska kiel “fina” imperiestro kiu regis nur 15 jarojn kaj travivis pereon de sia propra regno la Suda Tang(937-976). Dume en la dua rolo li estis brile sukcesa kiel talenta poeto, eble ankaŭ lamenta kaptito-poeto, kies poemoj restas senmortaj tra mil jaroj.

Ke imperiestro scipovas versi, tio ne sufiĉis por surprizi ĉinojn, ĉar multaj el ĉinaj imperiestroj ankaŭ scipovas versi, ekz-e la imperiestro Qianlong (regis 1736-1795 p.K.) en Qing-dinastio produktis eĉ pli ol 41 milojn da poemoj, dume poemoj de Li Yu restis ĝis nun nur ĉ. 40. Ke poeto scipovas versi pri amo, tio ankaŭ surprizas neniun. Tamen, Li Yu versis pri sia kaŝita amo tiel sincere, tiel malkaŝe, tiel delikate. Tio certe estas neofta kazo inter imperiestroj, kiuj havas senliman liberon por kontentigi sian amoran a eĉ diboĉan deziron. Laŭdire, supozeble la amatino en la

unua poemo Rendevuo (aŭ la knabino en la tri poemoj) estis junfratino de la edzino de Li Yu. Post forpaso de la pliaĝa fratino, tiu junfratino ankaŭ fariĝis la leĝa novedzino de Li Yu kaj fidele akompanis lin travivi la mizerajn jarojn de kaptito. Plej eminentaj poemoj de Li Yu ĝuste estis tiuj kiujn li versis en mizera kaptiteco, sed tiuj tri ampoemoj rezervis belajn rememorojn pri lia junaĝo,ankaŭ plaĉas al multe da legantoj.

♥♥ ♥♥ ♥♥ ♥♥

## EL *LAŬZI*



### ĈAPITRO 68

(En tiu ĉi ĉapitro, kiu pritraktas strategion kaj taktikon, Laŭzi proponas, ke la retiriĝo kaj defendo estu prenataj kiel principo, kaj ke estu dezirinde utiligi alies forton anstataŭ veni en vizaĝ-al-vizaĝan konflikton, por atingi la celon, al kiu oni strebas, per "nekonkurado".)

La plej bona generalo ne estas militema;
La plej bona batalanto ne ekscitiĝas de kolero;
La plej granda konkeranto venkas sian malamikon sen lukto;
La plej bona uzanto de homoj montras sin modesta al ili.
Tio estas nomata la Virto de nekonkuro;
Tio estas nomata la kapablo uzi alies forton;
Tio estas nomata la konformiĝo al la plej alta leĝo de la Ĉielo.

### ĈAPITRO 69

(Tiu ĉi ĉapitro plu pritraktas la leĝojn kaj regulojn de batalo. En la milita areno, la politiko de Laŭzi estas retiriĝi por antaŭeniri, politiko, kiu estas esprimita en la propono preni la defensivon por gajni la venkon. Laŭzi pensas ankaŭ, ke la malamiko ne devas esti subtaksata kaj ke, kiam la du partioj estas egalfortaj, estas la indignigita, kiu havas pli da ŝanco por gajni la venkon.)

Granda strategiisto iam diris:
"Mi ne kuraĝas preni la ofensivon,
Sed preferas la defensivon;
Mi ne kuraĝas antaŭenmarŝi eĉ unu colon,
Sed preferas retiriĝi unu futon."
Tio estas nomata:
Disaranĝo de neniaj trupoj en batalordo,
Levo de neniaj brakoj,
Alfrontado de neniaj malamikoj,
Tenado de neniaj armiloj.
Ekzistas nenia katastrofo pli granda ol la subtakso de la malamiko;
La subtakso de la malamiko preskaŭ perdigus al mi miajn "tri trezorojn".
Tial, kiam du egalfortaj kontraŭaj armeoj renkontiĝas,
Estas la indignigita, kiu gajnas la venkon.



tradukis Wang Chongfang

## Kia Laboro, Tia Valoro

**Harpina**

S-ino Tan Xiuzhu, Prezidantino de ĈEL, diris: "Faru vian laboron, tiam vi havos valoron."

En nia ĉina Esp-movado estas aro da diligentaj esp-istoj, ili sen celo por ĉaso de famo aŭ profito, konkeris multajn malfacilojn, kiujn ordinaraj homoj neeble venkis, sindone laboris kaj pliigas gloron al Esperanto. Ekz-e s-anoj Wang Chongfang, Wei Yida, Liu Xiaozhe kaj aliaj....

Je la kvara tago de 2003-a jaro, mi gvidis

s-anojn s-ron Hu Guozhu kaj Peng Zhengming ekskursis en la pitoreska Parko Nuba Rivero en Kantono. Ni tri homoj promenis, kaj instruisto s-ro Guozhu diris pri la traduko de vortoj de Konfuceo "tri homoj kune iras", farita de s-ro Wang Chongfang. Lia esp-igo estas jena: La Majstro diris: "Kiam mi promenas kune kun du aliaj, mi certe havas mian instruiston inter ili." Mi tuj aŭdis kaj rimarkis, ke "mi" kaj "kune kun du aliaj", resume ĝuste estas tri homoj! "Ho, vere bonega traduko!" mi nereteneble tuj laŭdis. S-ro Hu daŭre diris: "Vere admirinda estas la traduko de Wang Chongfang. ĉar en la ĉina originalo klare legiĝas "tri homoj", sed li kuraĝas esp-igi per "du homoj". Nur homo kun multa sperto povas traduki kun kuraĝa lerto!"

Jes, fama kaj estimata instruisto s-ro Wang Chongfang estas erudito kiu intence havigis al si suferojn. Li sola kompilas altnivelan Ĉina-Esperantan Vortaron, ekde 1992 li komencis per tio "punis" sin mem, ĉiutage li laboris 12 horojn. Kaj tiu puno daŭris jam dek unu jarojn. Li kaj kompilis kaj korektis, tial iu homo eĉ dubis ĉu li kapablas plenumi tiel grandan laboron, kion povus plenumi nur tuta organizo. Nun lia laboro proksimiĝas al fino, kaj ni ĉinaj esp-istoj ĝuos la frukton de lia diligenta laboro.

Ĉiufoje, kiam mi ricevis la enhavoriĉan kaj belan revuon Penseo en elektronika eldono, mi sentas emocion. Por ke revuo povu esti akceptata de legantoj, oni bezonas ne nur belan komposton de la ĉefredaktoro, sed ankaŭ subtenon de legantoj per kontribuoj. Alie, la redakto similas kuiri sen rizoj. Kaj, redakti beletran revuon tute en Esp-o, tio certe estas kun oblaj malfaciloj. Prof. Wei Yida komencis redakti kiel ĉefredaktoro ekde la n-ro 107, de tiam li redaktis jam ĝis 137-a numero, okazis nenia prokrasto. Antaŭ ol skribi ĉi artikolon, mi demandis al li: "Ĉu vi sentas penton ke vi konsentas redakti ĉi tiun revuon sen sufiĉaj eksteraj kontribuoj?" Li respondis: "Nenio pentinda. Se mankas kontribuoj, mi mem traduku."

Solis (Liu Xiaozhe), jen nomo nedisigebla kun la Verda Reto, la unua Esp-a retejo en la ĉina Esp-movado. Profesie li havas neintiman rilaton kun komputilo kaj interreto. Por konstrui retejon, li oferis multe da mono, libertempo kaj energio. Li ofte sentis lacon kaj eĉ ekpensis ĉu forlasi la retejon. Tamen forta devkonscio igis lin persisti en la laboro, kaj en 1998 li fine sukcesis fondi la verdan hejmon en interreto. De tiam ĉinaj esp-istoj havis loko, kie oni povas raporti plej rapide pri Esp-movado kaj doni lernaĵojn. Por novigi lian retejon, li senĉese lernas sciojn pri komputilo kaj interreto. Lastatempe la Verda Reto aspektis tute nova, kun harmoniaj koloroj, plaĉaj al okuloj, kaj la rubrikoj estas ampleksa kaj konkreta, ekz-e la bonveninda "respondoj/legateco", kaj "hodiaŭaj mesaĝoj" por atentigo, tiel ni povas facile vidi kiom da novaj mesaĝoj aperas hodiaŭ. Ĉiufoje, kiam mi ĝuas lian frukton kaj surgluis miajn mesaĝojn al tiu ĉi retejo de esp-istoj, mi ĉiam sentas profundan emocion.



Feliĉan 80-an Naskiĝtagon

Al Sinjoro Laŭlum!



Redakcio

## Al Sinjoro Li Shijun 80jara

el printempo pluva prenas vi olivesperon,
iras tra la inta, anta, enaj kaj eksteraj.
floroj, fruktoj kaj arbetoj ĝardenas la teron.
ŝvito kaj kurado semas ontan la prosperon.

mao zifu, 2003-3-26

## Arakidoj

Xu Dishan

Malantaŭ nia domo estas peco da nekulturita tero sur deklivo. La patrino diris, "Ve, estas domaĝe, se ni lasas ĝin nekulturita. Tial, ke vi ŝatas manĝi akaridoj, mi preferas tiun pecon por kultivi arakidojn." Ĉe tio, niaj gefratoj tre ĝojis. Iuj iris aĉeti semojn, aliaj prepares teron, kaj triaj akvumis. Post kelkaj monatoj, ni eĉ havis bonan rikolton.

La patrino deklaris, "Ĉi-vespere, ni celebru nian rikolton. Ni invitos vian patron por gustumi freŝe rikoltitajn arakidojn, ĉu bone?" Ĉiuj konsentis. La patrino prepares kelkajn frandaĵojn per arakidoj kaj ordonis, ke ni festu en la korta kabano.

Regis ne tiel bona vetero tiuvespere. Estis malofta okazo, ke nia patro ĉeestis kune kun ni. Li demandis, "Ĉu vi ŝatas manĝi arakidojn?"

Ni respondis unuvoĉe, "Jes ja!"

"Kiu povas nomi la utilojn de arakidoj?"

La fratino diris, "ili havas delikatan bonodoron."

La frato diris, "Oni povas fari oleon el ili."

Mi respondis, "Kiu ajn homoj povas aĉeti ilin je malalta prezo kaj ŝatas manĝi. mTio estas la avantaĝo de arakidoj."

La patro konkludis, "Kvankam ili havas multajn utilojn, unu el ili estas la plej valora. Ĉi tiuj malgrandaj grajnoj ne similas al tiuj fruktoj sur pomarboj, persikarboj kaj granatarboj, kiuj alte pandas kaj kies brile ruĝa kaj hele verda koloroj altiras la admironde preterpasantoj. Tamen malsamo okazas al arakidoj, kiuj kaŝas siajn grajnojn sub la tero ĝis maturiĝo antaŭ ol esti elterigitaj. Tre malofte vi povas vidi arakidgrajnon kreskantan super la grundo tremi en la vento, sed vi neeblas juĝi ĉu ĝi estas plena, gis kiam vi gin tuŝas."

"Jes," ni respondis unuanime. La patrino ankaŭ kapjesis. Li daŭrigis, "Do, vi devas konduti same kiel arakidoj, pro tio, ke ili estas utilaj, sed ne nur grandiose bonaspektaj."

Mi prenis la paroltemon kaj diris, "Laŭ vi, oni devas esti utilaj, sed ne grandaj aŭ bonaspektaj homoj."

La patro aldonis, "Tio ja estas mia espero je vi."

Ni disiĝis je profunda nokto. Ĉiuj frandaĵoj el arakidoj forkonsumitaj sen spuro, sed la vortoj de mia patro gravuriĝis en mia menso ĝis nun.

---

Xu Dishan: ĉina moderna prozisto

elĉinigis Chen Changhai

polurigis Wang Fang

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊
Eldonas Redakcio de *Penseo*
Disdonanto Lin Liyuan
Adreso: Ĉambro 501, N-ro. 72,
Strato Xitangxilu, Guangzhou,
Guangdong (510050)
POŜT-KUPONOJ ESTAS BONVENAJ!
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Shantou
Universitato,Guangdong515063, Ĉinio
Tel: (0754) 2903012 (hejme)
E-poŝto: ydwei@stu.edu.cn
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊